5-a jaro. — N-ro 5 (53). Marto 1913.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*




REDAKCIA PARTO:
**Oscar VAN SCHOOR**

ADMINISTRACIA PARTO:
**Frans SCHOOFS**



***UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16***

BELGA ESPERANTISTO
VONDELSTRAAT, 20, ANTVERPENO (BELGUJO).
— 1913 —

## Fremdlandaj korespondantoj

| | |
|---|---|
| D-ro LEON ROSENSTOCK . . . | Krakow, (Polujo) |
| JOHN LUNDGREN . . . | Hedemora, (Svedujo) |
| F-no ADELA ŜEFER . . . . | Londono, (Anglujo) |
| F-no M. WHITE . . . . . | Edinburgo, (Skotlando) |
| D-ro G. JAMESON-JOHNSTON . | Dublin, (Irlando) |
| H. TH. THOMSEN . . . | Kristiania, (Norwegujo) |
| ARGUS . . . . . . | Berlin, (Germanujo) |
| PENKO STOJEV . . . . | Trojan, (Bulgarujo) |
| D-ro P. STANISIĈ. . . . . | Vinkovci, (Kroatujo) |
| JULES WOLF . . . . | La Chaux de Fonds, (Svisujo) |
| B. F. SCHUBERT . . . . | Washington, D. C. (Usono) |
| MARTINS D'ALMEIDA (BEMALDO) | Lisbono, (Portugalujo) |
| JULES DE BULYOVSZKY . . | Budapest, (Hung.) |
| J. AIZIÈRE . . . . . | Alfortville, (Francujo) |
| EM. J. NICOLAŬ, . . . | Bukureŝto, (Rumanujo) |
| D-ro AMBROSIO VARGAS, . . . | Meksiko |
| GIUSEPPE CALZA . . . . | Genova, (Italujo) |
| E. R. HAYHOW . . . . | Cape Town. (S. Afriko) |
| ARTUR E. BARRINGTON . . | Benalla, (Victoria) |
| ELEUTERIO ROSARIO CAMPO | Porlamar,(Venezuela) |
| PAUL V. IDOYAGA . . . | Montevideo |

5-a JARO. MARTO 1913. 5a NUMERO (53)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*


| Redakcia parto : | Administracia parto : |
|---|---|
| Oscar VAN SCHOOR | Frans SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## Naŭa Universala Kongreso de Esperanto

**BERN (Svislando)**

24 — 31 DE AŬGUSTO 1913

### Klarigoj.

*Suplementaj kartoj.* Familianoj (edzino kaj infanoj) kune venantaj kun la familiestro pagas nur po Sm. 3.—, kaj ricevas *suplementan kongreskarton*, kiu ne rajtigas al senpaga ricevo de la kongresaj dokumentoj.

*Loĝado kaj manĝado.* Oni estas insiste petata senprokraste rezervigi siajn ĉambrojn.

*Tarifo por ĉambro, por sep tagoj :*

| | kun matenmanĝo. | kun tri manĝoj |
|---|---|---|
| 1a klaso maksimume . . . | Sm. 23.— | Sm. 34.— |
| 2a » » . . . . | » 17.— | » 28.— |
| 3a » » . . . . | » 12.— | » 20.— |
| 4a » » . . . . | » 10.— | » 17.— |

La eventuale troa mono sendita (ekzemple de la kongresanoj, kiuj restos en Bern malpli ol 7 tagoj, aŭ al kiuj la komitato sukcesos havigi ĉambron je pli malalta prezo ol montrita supre) estos repagata de la kongresa kaso dum la kongreso.

*Aranĝo kun U. E. A.* Sekve de aranĝo kun U. E. A. ĉiu membro de la Naŭa Universala Kongreso de Esperanto rajtas ĉeesti la kunvenojn de la Kongreso de U. E. A, kiu okazos samtempe kun la internacia, kaj ricevi senpage la oficialajn dokumentojn de la kongreso de U. E. A.

*Vojaĝo Prezoj el kelkaj ĉefurboj ĝis Berno*

| | II. Klaso | III. Klaso |
|---|---|---|
| | Sm. | Sm. |
| Antwerpen . . . . . . . . . . | 20 | 13 |
| Berlin . . . . . . . . . . | 25 | 17 |
| Brussel . . . . . . . . . . | 19 | 12 |
| Dresden . . . . . . . . . . | 24 | 16 |
| Genova . . . . . . . . . . | 28 | 18 |
| Hamburg . . . . . . . . . . | 25 | 16 |

| | | |
|---|---|---|
| London. . . . . . . . . . . . | 32 | — |
| München . . . . . . . . . . . | 14 | 9 |
| Paris . . . . . . . . . . . . | 17 | 11 |
| Roma . . . . . . . . . . . . | 27 | — |
| Stuttgart . . . . . . . . . . | 11 | 8 |
| Wien . . . . . . . . . . . . | 27 | 18 |

*Rimarko.* En Svislando oni povas aĉeti aboaan bileton por *15 tagoj*, kiu rajtigas al veturado sur ĉiuj ĉefaj linioj de la tuta lando.

Prezo por IIa klaso fr. 65.—, IIIa klaso fr. 45.—.

---

*Reklamo en la Kongreslibro.* — La kongreslibro havos la mondformaton 11,3 : 16 cm.

*Prezoj :* 1 Paĝo 12 Sm. ; 1/2 paĝo 7 Sm ; 1/4 paĝo Sm. 4.— ; 1/8 paĝo Sm. 2.50.

Oni bonvolu sin turni al la Kongresa Komitato, aŭ al Presejo Büchler & Ko., Bern.

---

La Samideanoj kiuj intencas veturi al la kongreso bonvolu skribi al F. Schoofs, 45, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse,) Antwerpen, por aranĝo de karavano.

---

# Bern, la urbo de la naŭa kongreso

## KAJ ĜIA ĈIRKAŬAĴO.

Bern, ĉefurbo de Svisujo, estas de post 1848, ĉefurbo de la svisa Konfederacio. Preskaŭ ĉiuj enloĝantoj, proksimume 80,000, estas protestantoj.

Bern, okupas belegan lokon sur plataĵo, kiu atingas 35 mn. super la fluo de la rivero Aar, kiu ĉirkaŭas ĝin laŭ tri flankoj ; de tiu alteco oni povas admiri, dum tre hela neteco, la panoramon de la neĝaj montaj de la Oberland (Bernaj alpoj) malproksime de 30 km.

Kun ĝiaj larĝaj kaj puraj stratoj, ĝiaj modernaj konstruaĵoj, kaj bele aranĝitaj butikoj, ĝiaj antikvaj hoteloj el fergrizaj ŝtonoj, kaj ĝiaj multnombraj elektraj tramveturiloj, Bern estas ĉie konata, kiel unu el la plej belaj kaj plej pentrindaj urboj de Eŭropo. De post kelkaj jaroj, la urbo pligrandiĝis je la alia bordo de la Aar, kaj tri pontoj komunikigas ĝin kun la nova kvartalo, nomata « Kirchenfeld ».

La ĉefa monumento de Bern estas la ĉefpreĝejo « Münster » kiu, kiel tiu el Basel, staras sur granda placo, konsistanta el teraso super la rivero. Komencita en 1421 en gotika stilo, ĝi nur estis tute finita en 1894, per la konstruado de 100 m. alta turo. Ekstere oni admiras la skulptaĵon de la granda portalo, riprezentanta la lastan juĝon, kaj la traboritan balustradon, kiu ĉirkaŭas la subtegmenton. La interno, nuda kiel ĉiuj protestantaj preĝejoj, estas nur interesa pro la vitromebloj de la Ĥorejo kaj de la orgenoj, tiel famaj kiel tiuj de Freiburg.

La urbdomo « Rathaus », de la XVa jarcento, havas belan fasadon, ornamitan per freskoj, kaj dividitan per duobla ŝtuparo, kondukantan al la unua etaĝo,al la salono de la konsilantaro.

La aliaj publikaj konstruaĵoj estas modernaj. Ili estas : la malnova kaj la nova federaciaj palacoj, la muzeo de la artoj, tiu de la naturaj sciencoj, kaj muzeo kun riĉaj arĥeologiaj kaj etnografiaj kolektoj. En la proksimeco oni rimarkas la publikan bibliotekon, enhavantan pli ol 60.oco libroj, kaj la Universitaton, kiu konsistas el kvin fakultatoj, katolika teologio, protestanta teologio, leĝoscienco, kuracarto kaj filozofio. Estas ankaŭ tre rimarkindaj : la du kavoj, kie ursoj estas nutritaj je la kostoj de la depagantoj.

Dank'al ĝia universitato, kaj al la multnombraj administracioj kiujn ĝi posedas kiel ĉefloko de la federacia registaro, kaj kiel restadejo de la diplomataro, Bern ŝajnas la urbo de la oficistoj, de la profesoroj kaj de la studentoj. Ĝi tamen enhavas ankaŭ multajn industriajn fondojn, grandajn bankojn kaj komercajn firmojn, kiuj donas al la ĉefaj stratoj, egan vivecon.

La kantono de Bern, unu el la 22 kantonoj de la Svisa Konfederacio, estas la plej granda.

Laŭ fizika vidpunkto, oni povas dividi la bernan kantonon en tri partoj : norde, la regiono de la Jura, meze la valo de la Aar kaj de ĝiaj alfluaj riveretoj, ondiĝa ebenaĵo kun verdiĝantaj herbaĵoj, el kiuj la « Emmenthal » valo de la Emme estas la plej bela ; kaj sude la « Berna Oberlando »

Tiu lasta parto estas tre fama pro siaj multaj naturaj belaĵoj. Estas tie ke oni admiras la glorajn pintegojn de la bernaj alpoj ; la Wetterhorn, la Eiger, la Mönch, la mirindan Jungfraŭ kaj la glaciejojn de la Finsteraarhorn kaj de la Grindelwald, la famajn akvofalojn de la Reichenbach,Giessbach, Staubbach kaj Trummelbach, la belegajn lagojn de Thun kaj de Brienz, apartigitaj per la beleta urbo Interlaken, la profundajn kaj grandiozajn valojn de la Kander, de la Hasli, de Grindelwald kaj de Lauterbrunnen, kun iliaj ĉie konataj montabaretoj, el abio, izolitaj en la altaj paŝtejoj, kie diskuras grandegaj bovin kaj kaprinaroj. Tuta sistemo de vaporŝipoj, de fervojoj kaj de « ŝnurveturiloj » faciligas la viziton de tiuj mirindaĵoj, kiuj allogas ĉiujare milojn da turistoj. Pro tio oni povas diri ke la industrio por fremduloj ĉefas en la kantono Bern. Interlaken posedas ne malpli ol 60 hoteloj, ĉiuj pli luksaj la unu ol la alia. Poste venas la terkulturado, konsistanta preskaŭ ekskluzive el la fabrikado de fromaĝoj ; tiuj el Emmenthal, interalie, de kiu grandaj kvantoj estas eksportataj. Oni konstatas ankaŭ sufiĉe gravan komercon de lignaj objektoj kaj puntoj, farataj en la vilaĝoj de la montoj.

La kantono Bern havas nur unu seponon da katolikaj loĝantoj, la aliaj estas protestantoj, en tute proksimume 600,000.

La germana lingvo, kiu estas la oficiala lingvo, estas preskaŭ ĉie parolata, escepte en la « Jura », kie oni parolas france. Laŭ

politika vidpunkto, la kantono Bern konsistas el demokratia respubliko, regata de granda ministraro, kaj de ŝtata konsilantaro.

*Historio :* La teritorio de la kantono Bern, kiu unue *estis okupaĵo* de la Helvetoj, poste estis regata de la Romanoj, de la Alamanoj, de la Burgundoj kaj de la Frankoj.

En 1891, kiam ĝi estis parto de la impero de Karlomagno, la reprezentanto de la imperiestro, Berchtold la Va, duko de Zachringen konstruigis grandan muron ĉirkaŭ la domoj, kiuj staris apud lia kastelo, kaj li mortigis urson en la loko mem kie oni faris la remparojn.

Estas eble kaŭze de tio ke oni donis al la urbo la nomon Bern (en germana lingvo « Bär ») kaj ke oni vidas urson sur la insigno de la urbo, kaj sur la diversaj monumentoj. Post la morto de Berchtold, en 1218, la malgranda respubliko devis multfoje sin defendi kontraŭ siaj malamikoj, sed ĉiam venkis. En 1353 la kantono Bern aliĝis al la svisa konfederacio. La reformacio komencigis por ĝi tempon de paco kaj de prosperado. sed samtempe firmigis la superregon de la aristokrataro, kies potenco baldaŭ faliĝis en tiranecon, kaj kiam en 1789 la revolucio subite aperis, Bern kapitulacis. En 1814, la aristrokrataro ree regis, sed en 1830 ĝi devis definitive cedi al la demokrataro, kies principoj (supereco de la popolo, libereco por la presado k. t. p.) servas kiel fundamentoj de la konstitucio en 1848. Estas tiu konstitucio iomete ŝangita en 1869, kiu ankoraŭ nuntempe regas la kantonon Bern. (*Tradukis Rosa Wuyts*).

## DIVERSAJ INFORMOJ

**Ĵus aperis Esperantaj Glumarkoj**, trispecaj, presitaj en du koloroj sur blanka papero, pri la Internacia Esperantista Semajno Kongreso en Gent 1913. Ili estas aĉeteblaj ĉe la eldoninto Arthur Vermandel. Borgerhoutschestraat, 72, Antwerpen (Belgujo). Prezo. 100 pecoj fr. 1.00 (0.400 Sm.).




**Persaj Fotografaĵoj!** — Ĉu vi deziras havi belajn fotografaĵojn el Persujo? Turnu vin al mi! mi sendos al vi albumon entenantan 100 belajn fotografaĵojn sur bonega papero, laŭ mezuro 9×12, montrantajn vidaĵojn, tipojn, ĉiutagan vivmanieron de Persoj, k. t. p. Esperantista klarigo sub ĉiu bildo. Prezo afrankite Sm. 30. — sendota al mi per ĉekoj sur Londono aŭ per la ĉekoj de ĉekbanko Esperantista.

A. Der-Hovhannisjane, Del : de U. E. A.
Banque Imp. de Perse.
Tabriz, (Persujo)

**Deziras korespondadi.** — S-ro José I. Benitez. Apartado Postal 1500. Mexico. D. I.

Profesoro S. S. Duncan en Yamhill County, Oregon U. S. A. havas en sia urbo 6000 gelernantojn kiuj deziras korespondi kun junaj gelernantoj el Belgujo. Oni skribu al S-ro Duncan.




(*Kun la aprobo de la Belga Registraro*)

## 4a CIRKULERO

De la novembra numero « Belga Esperantisto », malfermis specialan rubrikon pri la « Internacia Esperantista Semajno-Kongreso, okazonta en Gent de la 14an ĝis la 20an de aŭgusto 1913.

La nomaro de la jam aliĝintaj (antaŭ la 16a de februaro) sekvas :

La jenaj grupoj enskribiĝis aparte « Verda Standardo » Antwerpen, « Laboro » Borgerhout, « Bruga Esperantista Grupo » Brugge kaj « Paco » katolika Esperantista Grupo, Antwerpen. Jen laŭdinda kaj imitinda ekzemplo, kiun espereble ĉiuj esperantistaj societoj sekvos.

Nia kara majstro, D-ro L. L. Zamenhof, akceptis la honoran membrecon de nia Esperantista Semajno.

*Literatura kaj desegnaĵa konkurso* : Por sukcesigi la literaturan kaj desegnaĵan konkurson organizatan de la organiza komitato de la Esperantista Semajno, ni petas la esperantistajn ĵurnalojn, societojn kaj la bonvolemajn samideanojn ke ili aljuĝu premiojn pri temoj, kiujn ili difinos. Ili bonvolu informi pri tio la prezidanto de la organiza komitato, S-ro Sebruyns, Gentschestraat, 34, St Amandsberg (Gent). Dezirinde estas ke, en la proksiman numeron de « Belga Esperantisto » ni povu jam enpresigi unuan liston de premioj kun la rilatantaj temoj.

Povas partopreni en la literaturan kaj desegnaĵan konkurson de la E. S. ĉiuj aliĝintaj esperantistoj. La manuskriptoj kaj desegnaĵoj devas esti senditaj per rekomendita letero, antaŭ la 15an de julio 2913 al la prezidanto de la organiza komitato, Gentschestraat, 34, St Amandsberg (Gent). Ili ne povas esti subskribitaj de la aŭtoro, kaj devas porti devizon, ripetatan sur fermata koverto enhavanta la nomon de la verkinto.

(Speciala regularo pri la konkurso estas presata ĉi-poste).

Ni faras novan alvokon al la esperantistoj de la tuta mondo por ke ili ne prokrastu aliĝi la Semajnon-kongreson kaj ripetas kion ni jam diris antaŭe : grava morala kaj financa respondeco de la organiza komitato necesigos ke ĝi kiel eble plej baldaŭ eksciu kiom da enspezoj ĝi povas proksimume disponi. La materia organizado de la kongreso dependas de ĝiaj monrimedoj. LA ORGANIZA KOMITATO.

---

## Regularo de la Konkurso de la E. S.

Art. I. La konkurso estas organizita de la organiza komitato de la I. E. S. K.

» II. Por partopreni en la konkurso estas necese ke oni aliĝu al la Esperantista Semajno, escepte en la sekcio por lernantoj.

» III. La konkurso konsistas el :

a) *Literatura sekcio.*

1) *originalaĵoj :* poezioj, rakontoj, priskriboj, k. t. p.

2) *tradukaĵoj :* » » »

(La teksto ne povas preterpasi du paĝojn de Belga Esperantisto).

b) *Komerca sekcio :* Komerca letero laŭvole.

c) *Sekcio por lernantoj :* ĉiuj lernantoj de Esperanto povas partopreni en tiu sekcio ; sufiĉas ke ili skribu tekston da dudek linioj sur ne ilustrita poŝtkarto (temon laŭvole), estas necese ke ili subskribu sian nomon kaj plenan adreson.

d) *Desegnaĵa sekcio :* ĉio kio rilatas al esperanto, kiel : kongreskartoj, glumarkoj, letertitoloj, societaj insignoj, poŝtkartoj, stampiloj, manĝokartoj, karikaturoj de esperantistoj, k. t. p.

» IV. Por la sekcio, a. b. d. la konkursantoj povas pritrakti la temon kiun ili deziras.

» V. La konkursantoj ne povas skribi sian nomon sur la verkaĵon aŭ desegnaĵon, sed devizon aŭ ian ajn signon, kiu devas ankaŭ esti skribita sur kunmetita leterkovrilo en kiu ili enfermos bileton portantan ilian nomon kaj adreson.

» VI. La verkoj devas esti sendataj, per rekomendita letero, antaŭ la 15a 7/1913 al la sekretariejo de la I. E. S. K. St Lievenslaan, 60, Gent.

» VII, La listoj de la premioj estos publikigitaj en Belga Esperantisto.

» VIII. La premiitaj verkoj kaj desegnaĵoj iĝas la propraĵo de la donacintoj de la premioj.

» IX. La juĝantaro de la konkurso konsistos el la membroj de la organiza komitato.

» X. La nomoj de la gajnantoj estos komunikataj kaj la premioj estos disdonataj en speciala festo (koncerto) kiu okazos en la Ekspozicio dum la I. E. S. K.

LA ORGANIZA KOMITATO.

## Nomaro de la kongresanoj, aliĝintaj antaŭ la

### 16an de Februaro 1913.

| | | |
|---|---|---|
| S-ro Arth. Vermandel | Antwerpen | (Belgujo). |
| S-ino Arth. Vermandel | » | » |
| P-tro A. Richardson | Brussel | » |
| S-ro L. Vermandel | Antwerpen | » |
| S-ro Fr. Renders | Schilde | » |
| Grupo « Verda Standardo » | Antwerpen | » |
| F-ino M. Posenaer | Borgerhout | » |
| » « Laboro » | » | » |
| F-ino R. Schepens | Gent | » |
| S-ro M. Sebruyns | St Amandsberg | » |
| » O. De Bruycker | Gentbrugge | » |
| » J. Barbe-De Kneef | » | » |
| » Fl. Van Cleemput | Gent | » |
| » Van Drunen | Brussel | » |
| S-ino Van Drunen | » | » |
| F-ino Eug. Colyn | Gent | » |
| » Ad. Colyn | » | » |
| S-ro G. Vermandere | » | » |
| F-ino L. Varendonck | Gentbrugge | » |
| S-ro N. Bernaert | Antwerpen | » |
| » Rollet de l' Isle | Paris | (Francujo) |
| » G. Barat | Lille | » |
| F-ino Od. Florent | Sebourg | » |
| S-ro J. Wilson | Hillesdon | (Anglujo) |
| S-ino J. Wilson | » | » |
| S-ro J. Vermandel | St Mariaburg | (Belgujo) |
| S-ino J. Vermandel | » | » |
| S-ro C. Danis | Antwerpen | » |
| S-ro F. Versluysen | Borgerhout | » |
| » W. De Koning | » | » |
| » J. Caris | » | » |
| » L. Marcus | » | » |
| » Osc. Van Schoor | » | » |
| » E. Vega | » | » |
| F-ino H. Sebus | » | » |
| S-ro Prof. Odo Bujwid | Krakaŭ | (Polujo) |
| S-ro G. Chavet | Paris | (Francujo) |
| » C. Bourlet | » | » |
| F-ino Bonnet | » | » |
| S-ro G. Prud'hom | Nogent s/Marne | » |
| » E. Lemoine | Paris | » |
| » C. Chaigneau | » | » |
| » G. Gillet | » | » |
| F-ino C. Royer | » | » |
| S-ro A. Leprieur | » | » |

| | | |
|---|---|---|
| S ro E. Willekens | Antwerpen | (Belgujo) |
| » A. Cassiers | » | » |
| » J. Verheugen | » | » |
| „ A. De Meyer | » | » |
| » L. Ritschie | » | » |
| » Cl. Colas | Paris | (Francujo) |
| » A. Gohr | Antwerpen | (Belgujo) |
| » A. Nedoŝivin | Kovno | (Rusujo) |
| » A. Van de Velde | Boom | (Belgujo) |
| » E. Pruvot | Antwerpen | (Belgujo) |
| » J. Peeters | » | » |
| » Fr. Verwilligen | » | » |
| F-ino J. Van Pelt | » | » |
| » A. Van Pelt | » | » |
| S-ro D-ro R. Van Melckebeke | » | » |
| F-ino G. Herickx | » | » |
| S-ro R. Georges | » | » |
| » G. Goedvriend | » | » |
| » D-ro N. Botte | Casteau | » |
| » Conto A. Fernandes | Rio de Janeiro | (Brazilujo) |
| F-ino J. Flourens | Beziers | (Francujo) |
| S-ro Alb. Minon-Bocquet | Brussel | (Belgujo) |
| S-ino Alb. Minon-Boquet | » | » |
| S-ro R. Simpson | London | (Anglujo) |
| F-ino Y. Thooris | Brugge | (Belgujo) |
| S-ro C. Craps | Brussel | » |
| » A. Baesens | Antwerpen | » |
| » B. Rifling | Christiania | |
| S ino M. Thiels | St Mariaburg | (Belgujo) |
| P-tro A. Minten | Antwerpen | » |
| S-ino A. Bakker | Borgerhout | » |
| S-ino J. Jacques | Antwerpen | » |
| S-ro C. Vinck | » | » |
| F-ino R. Wuyts | » | » |
| S-ro G. Davidov | Saratov | (Rusujo) |
| F-ino O. Standaert | Gent | (Belgujo) |
| » H. De Clerck | » | » |
| » S. Van Hyfte | » | » |
| » C. Verschueren | » | » |
| S-ro E. Simonis | St Amandsberg | » |
| » H. Petiau | Gent | » |
| F-ino G. Desserin | Bourges | (Francujo) |
| S-ro A. J. Witteryck | Steenbrugge | (Belgujo) |
| S-ino A. J. Witteryck | » | » |
| F-ino B. Ledéne | » | » |
| Bruga Grupo Esp. | » | » |
| S-ro Fr. Schoofs | Antwerpen | » |
| Kat. Esp. Grupo « Paco » | » | » |
| F-ino Y. Verlent | Gent | » |
| » I. De Vliegher | » | » |

# 6a Brita Esperantista Kongreso

## 10-12 Majo-Pentekosto

Estas ĝojiga fakto vidi ke la regionaj kongresoj de Esperanto akiras, pro la progresoj de nia lingvo, pli kaj pli internacian karakteron. En ĉiuj kongresoj de la Belga Ligo oni havis la plezuron renkonti eksterlandajn gesamideanojn kiuj alportis al la novvarbitoloj la pruvon de la komprenebleco de la lingvo kaj pruvis al la publiko la internaciecon de la movado.

La Belga Esperantistaro kiu dum la kongresoj de Bruĝo, Charleroi, Gent, havis anglajn vizitantojn, ŝuldas siavice viziton de almenaŭ kelkaj siaj anoj al la 6a Brita kongreso kiu tiun ĉi jaron estas facile atingebla.

Tiu kongreso okazos Pentekoste en Eastbourne. Ĝi estas organizata de la tiea grupo kies sekretario estas S-ro John P. Nix bone konata de la belgaj esperantistoj pro siaj multaj vizitoj ĉe iliaj kongresoj.

Espereble kelkaj Belgoj vojaĝos al Eastbourne malgraŭ la allogoj de la nacia kongreso okazanta samtempe en Spa.

Ĉi sube kelkajn sciigojn pri la 6a Brita Kongreso.

La organiza komitato aranĝis jam belan programon kies ĉefaj allogaĵoj estos : Ekskurso al la antikva kastelo Pevensey — Granda Propaganda kunveno — Akcepto de la Urbestraro — Ekskurso al la fama promontoro Beachy Head — Ekskurso al la kastelo de Lewes — Koncerto kaj Teatraĵoj de la Vagabonda Klubo — Balo k. t. p.

La mardon okazos vizito de Hastings kies urbestro akceptos la gekongresanojn — Vizito de la kastelaj kavernoj sub gvidado de la knaboskoltoj — Ekskurso al Abatejo. « Battle » la « lulilo de la Brita Imperio » kie Duko Vilhelmo de Normandujo venkis Reĝon Harold de Anglujo k t.p.

Pentekoste la Belga Ŝtata Fervojo vendas malmultekostajn biletojn ĝis Dover valorajn dum 14 tagoj — Tiuj biletoj kostis ire kaj revene en 1912 — triaklase — tra Ostende — de Antverpeno frs 15.65 — de Brugge 10.20 de Bruselo 14.10 — de Charleroi 15.70 — de Gent 11.90 — de Lieĝo 17.90. La prezaro par 1913 jus aperis — kaj ĝi estas la sama.

La bileto de Dover ĝis Eastbourne ire kaj revene kostas frs 13.00 Ĝi estas valora dum unu monato kaj permesas halton dumvoje. La komitato de la kongreso post interkonsento kun la hotelmastroj aranĝis jenan tarifon de la loĝejoj (prezo po tago, ĉambro kaj 4 manĝoj).

Klaso A. Sm. 5.25 ; B. Sm. 3.75 ; C. Sm. 3 00 ; D. Sm. 2.50

La du lastaj klasoj estas plene rekomendindaj.

La kongreskarto kostas Sm 1.25 — Ĝi rajtigas ĉion en la kongresa programo krom la ekskursaj vojaĝprezoj.

La gesamideanoj de Eastbourne speciale atentos pri la deziroj kaj postuloj de la eksterlandaj esperantistoj.

Eastbourne estas la plej bela banurbo en tuta Britujo — Ĝi enhavas pli ol 50.000 enloĝantoj.

La gesamideanoj intencante ĉeesti la kongreson kaj dezirante ricevi plenan programon kun franclingva gvidlibro ilustrita estas petataj sin konigi al S-ro Renaud Richez en Fresnes-Nord (Franclando) kiu organizas vojaĝon al Eastbourne por la Nord-Francaj kaj Belgaj gesamideanoj — La kuniĝo okazos en Ostende.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto «, 20, Vondelstraat (Rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

Malgraŭ la celado de kelkaj reformemuloj kiuj klopodas detrui la esperantistan movadon, la belga esperantistaro povas esti kontenta pri la rezultatoj de la propagando kaj pri la antaŭenirado de la movado. En **Antwerpen** la diversaj grupoj regule kunvenos kaj la lernantoj de la diversaj kursoj regule ĉeestas. **Antverpena Grupo** havas ĉiusemajne paroladon esperantan de iu el la grupanoj. Stariĝis nova esperantista grupo por katolikoj, sub la nomo **Paco.** Tiu grupo jam organizis la 2an de Marto paroladon peresperantan. La ĉiusemajna ĵurnalo *Concordia* regule publikigas artikolojn pri Esperanto de Profesoro Vermandel kaj la revuo *Vrouwenleven* aperigis en sia numero de Februaro-Marto belegan artikolon de F-ino M. Posenaer, pri *La agado de la Virinoj en la disvastigado de internacia lingvo.*

En **Bourg-Leopold,** Leŭtenanto Dupont rekomencas kurson esperantan por la oficiroj de la « Ecole d'application ». — En **Lier,** la nova grupo nun estas starigita kaj regule kunvenas. — En **Gent,** la grupo eldonas monatan bultenon *Esperanto* kiu dank' al la francaj kaj flandraj artikoloj en ĝi enhavataj, povas multe helpi la propagandon inter la Genta publiko. — En **Bruselo** oni ankaŭ intencas publikigi novan esperantan revuon. — En **Charleroi,** la *Bulteno,* organo por la internaciaj komercaj interrilatoj aperis kaj promesas uzi nian lingvon kaj disvastigi ĝin en la tutmondan komercistaron. — En **Spa** oni laboras nun por la venonta belga Kongreso kaj oni eldonis propagandajn markojn. — La grupo de **Caprycke** petis sian aliĝon al la Belga Ligo kaj dank' al la senlaca klopodoj de la prezidanto, S-ro Dervaux, ĝi regule progresados. Proksimume 40 anoj abonigis sin al la nacia organo. — En **Eecloo** la kursoj estas donataj de S-ro Aug. Van Ackere, kiu kuraĝe venas ĉiusemajne el Lembeke por semadi la bonan semon en la urbo de Ledeganck. — La komitata kunveno de la Belga Ligo okazos en **Brussel** la 30an de Marto.

**ANTWERPEN. — Granda Internacia Konkurso « Gevaert ».** Ni ĵus ricevis la liston de la premioj kaj rimarkis plezurege ke multaj esperantistoj partoprenis en la konkurso ; inter alie ni rimarkis la sekvantajn devizojn : «Obstine antaŭen» «Esperanto» «Espero» kaj aliajn ; ankaŭ ni ĝojiĝas konstati ke ili gajnis kelkajn premiojn. Niajn sincerajn gratulojn al la feliĉaj gajnantoj.

**BRUSSEL.** — Dimanĉon, la 9an de marto, okazis en la salono de la Institut Bibliographique. rue de la Régence, 3bis, sub la prezidanteco de S-ro Prof. Van Drunen, la ĝenerala kunveno de la Federacio de la Bruselaj grupoj; multaj esperantistoj ĉeestis tiun tre interesplenan kunsidon ; oni decidis arangi okaze de la 4a Belga Esperantista Kongreso en Spa, du karavan jn, la unua forlasante Brussel la sabaton 10an de majo (posttagmeze). la dua la dimanĉon matene (11an). Ankaŭ oni decidis fari grandan propagandon por la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso en Gent; oni ageme klopodos por ke eble plej multe da esperantistoj, eĉ ne esperantistoj, ĉeestu al tiuj du grandiozaj manifestacioj. Oni ankaŭ komisiis la S-ron Delegiton ĉe la Belga Ligo, priparoli dum la komitata kunveno de la Ligo (20/3/13) temon pri la aranĝo de komuna karavano al la 9a Intern. Esp. Kongreso en Bern. A. V.

Ni deziras ricevi regule informojn el ĉiuj grupoj. Oni povas eĉ redakti france aŭ flandre. Ni speciale renovigas nian peton al la grupoj de Gent, Gentbrugge, Brugge, Spa, Verviers, Liège, Bruselo, Boom, Borgerhout, Antwerpen (Antverpena Grupo, Verda Standardo, Suda Lumo).

# EKSTERLANDA KRONIKO

## La Progreso de Esperanto en la Ĥina Respubliko

Ĥ. E. A. (Ĥina Respublika Esperanto Asocio) estas fondita en majo 1912 ; komence ekzistis en la Centra oficejo nenio : nek presaĵo, nek eĉ unu plumingo, ĉion oni luis. Post kelkaj tagoj de tiam, oni decidis, unue organizi esperantan kurson en kiu partoprenis 67 lernantoj ; ankaŭ oni organizis korespondan kurson en kiu partoprenis 67 lernantoj ; ankaŭ oni organizis korespondan kurson kiun gvidas S-ro K. Ĉ. Ŝan, redaktante li mem lernilon per kajeroj ; partoprenis ĝis nun en tiun kurson pli ol 300 lernantoj. Tial ke multaj loĝantoj ne ankoraŭ scias kio estas Esperanto, oni aranĝis je la 1a de junio 1912 publikan paroladon, kiu plene sukcesis ; poste por interesi la samlandanojn de aliaj urboj oni instruis la lingvon en speciala rubriko per la ĉiutaga gazeto » Min Li Pao» ; de tiu momento nia asocio funkcias kaj progresadas

Jen la statistiko de la 8 lastaj monatoj.

| | |
|---|---|
| Komunikaĵoj ricevitaj . . . . . | 2411 |
| » senditaj . . . . | 3192 |
| Regionaj oficejoj . . . . . . | 17 |
| Esperantista Grupo . . . . . | 1 |
| aktivaj membroj . . . . . . | 247 |
| aprobantaj membroj . . . . . | 151 |
| Korespondaj kursanoj . . . . . | 396 |

De Januaro 1913, la Ĥ. E. A. laboras ankoraŭ pli firme por la sukceso de nia kara lingvo. Ekzistas jam la sekvantaj esperantaj libroj :

Esperanto por Ĥino ; gramatiko ; konversacio Ĥina - Esperanta ; Esperanta Fundamento ; Esperanta vortareto ; Lernolibro; Legolibro kaj vortaro Esp-Ĥina.

*Komunikis Profesoro A. Vermandel)*

# GRAVA NOVAĴO

La sindonema brusela esperantistino, F-ino M. Moreau, eksciis el letero de sia ĥina korespondanto, nia samlandano S-ro Karlo Schriewer, oficisto en la belga ambasado, ke en Pekin,

120 hinoj sekvas esperantan kurson kaj ke en Kanton oni forigis la anglan lingvon el la studprogramo de la mezgrada lernejo por anstataŭi ĝin per deviga lernado de Esperanto.

Tiu fakto estas certe citinda, ĉar ĝi montras ke novaj horizontoj aperas por nia lingvo en Oriento.

---

## La Monda Muzeo de la Internaciaj Asocioj.

Dum la Universala Ekspozicio en Bruselo (1910) okazis inter aliaj, la granda Kongreso de la Internaciaj Asocioj. Gi decidis la starigon en tiu urbo de vasta Muzeo kiu enhavus ĉion kio rilatas al la internacia vivo.

2 jaroj pasis dum kiuj S-ro C. Otlet, la nelacigebla Direktoro de la Internacia Instituto de Bibliografio klopodis por realigi, en parto de la Haloj de la « Cinquantenaire », la deziron esprimitan de la Kongreso.

Antaŭ kelkaj tagoj, li invitis min por montri al mi la rezultatojn de sia laboro, dezirante ke miavice, mi konigu ilin al la Esperantistaro pere de niaj ĵurnaloj.

Mi jam vizitis multajn muzeojn ĉiuspecajn, enhavantajn plej maloftajn kolektojn, sed neniam mi forportis el ili saman impreson, kaj tioman kvanton da novaj ideaj kaj konoj.

Efektive, la Monda Muzeo ne enhavas kolektojn da artaĵoj aŭ kuriozaĵoj ; ĝi celas precipe instrui la vizitantojn en ĉiuj branĉoj de la homaj konoj.

Gi turnas sin nek al artistoj, nek al scienculoj, sed al la gradida publiko kaj formas veran Enciklopedion de la Internacia Vivo.

Ĝi konsistas el du longaj vicoj da ĉambroj.

La teretaĝo estas dediĉita al la Naciaj Sekcioj, antaŭigataj, kiel enkondukaĵo, de serio da dokumentoj rilatantaj al Ĝenerala Geografio, al la ĉiujarcentaj progresoj en la esplorado de la terglobo, k. t. p,

En la sekvantaj ĉambroj, la prospero de nia patrujo estas elokvente montrata. Mi ne povas priskribi ĉiujn dokumentojn afiŝatajn tie kaj ĉiujn geniajn rimedojn uzitajn por altiri kaj reteni la atenton de la trapasanto. Mi nur donos ekzemplon : En la parto kiu rilatas al nia Leĝaro figuras pentraĵo prezentanta la Bruselan juĝejon, brungrize kolorigitan. Sed ĉiu ŝtono portas numeron kaj reprezentas unu artikolon de la Civila Leĝaro. Nu ĉiuj el ili kiuj estis sanĝitaj estas ruĝe pentritaj. Same, la Belga Konstitucio estas pritraktata pere de la « Koloro de la Kongreso». Mi notas la spritan konkludon de S-ro Otlet : « Tio montras, li diris, ke la Belgoj estas sufiĉe saĝaj, por ripari laŭbezone siajn Instituciojn, anstataŭ ilin teren ĵeti.

Post Belgujo, ĉiuj landaj posedas sian fakon en kiu la diversaj aspektoj de ilia aktiveco kaj la parto kiun ili okupas en la Internacia Movado estas klare montrataj. Notinda estas la Hispana Sekcio, kies belegaj dokumentoj kaj landkartoj estas speciale faritaj kaj senditaj de la diversaj ministerioj de tiu lando.

La dua parto de la Muzeo rilatas al la diversaj Sciencoj kaj montras, laŭ ĉiuj vidpunktoj, la parton de ĉiu Nacio en iliaj progresoj. Ili mirinde pruvas ke nuntempe ĉiu antaŭpaŝo iĝas pli kaj pli la frukto de la internacia kunlaborado de ĉiulandaj elpensantoj kaj ke la naciaj baroj ne plu ekzistas por ili.

Tre rimarkinda kaj laŭdinda estas la zorgo kun kiu la Muzeo sekvas paŝo post paŝo la ĉiutagajn okazintaĵojn ; ekzemple dum la balkana milito, oni povis tie vidi sur landkartoj la progresojn de la nacioj notataj per flagetoj.

Sed la lasta merito (kaj ne la plej malgrava) de la Monda Muzeo estas ke, per multaj dokumentoj senditaj de la Centra Oficejo Esperantista, ĝi ankaŭ celas atentigi la vizitantojn pri efika helpilo kiu multe faciligas la internacian vivon : La solvo de la Internacia Lingva Problemo per nia bela lingvo Esperanto.

.... Mi ofte revizitos la Mondan Muzeon ! F. M.

---

Por ke la Esperanta Sekcio fidele montru la aktivecon de la Esperantista Movado, la C. O. komisiis nian amikon Fernand Mathieux, el Bruselo (44, Marché aux Poulets), por ordigi ĝin. Ĉiuj samideanoj kiuj eldonigas presaĵojn aŭ reklamojn aŭ librojn tre bone agus sendante al li ekzempleron por ke ĝi estu afiŝata en la Muzeo.

---

# BIBLIOGRAFIO

**Belga Esperantisto anoncas la verkojn kiuj estas senditaj unuekzemplere ; ĝi recenzas nur tiujn verkojn kiujn ĝi ricevas duopekzemplere.**

---

**Hendrik Conscience.** *Rikke Tikke Tak.* — El la flandra lingvo esperantigis Maria Posenaer.— Prezo Sm. 0.800, Havebla ĉe la verkistino : Kroonstraat, 45, Borgerhout-Antwerpen.

Bela, flua, natura traduko de unu el la plej freŝaj verkoj de nia nacia verkisto. Tiu kiu deziras ĝui sinceran kaj sanan emocion legu tiun libron ĉar ĝi enhavas historion veran, plenan je preskaŭ nekredeblaj okazintaĵoj.

La stilo de la tradukintino estas tute laŭdinda ĉar kvankam ĝi estas kvazaŭ la vorta tradukado de la originalo, oni sentas en ĝi ion nedireblan, kiu donas al ni la impreson ke la libro ne estas tradukaĵo. Vere tiu libro fariĝos klasika verko.

**V. N. Devjatnin (L. K.).** *Propaganda Piedvojaĝo al la Oka Internacia Esperantista Kongreso.* — Munchen, Presejo de E. Janich, Gabelsbergerstrasse, 76. — Preze Sm. 0.750.

Bela broŝuro de proksimume 100 paĝoj, enhavanta la bele verkitan rakonton de la okazintajoj de la fama piedvojaĝo de S° Devjatnin, la konata verkisto kaj propagandisto. Jes tiu libro estas ege leginda kaj estas bela dokumento en la historio de nia movado. Ni varme rekomendas ĝian legadon al ĉiuj samideanoj.

———xxx———

## EL LA VERKARO DE H. CONSCIENCE.

# LA AVINO

### Rakonto de Joĉjo kaj Manjo.

Proksime de la vilaĝo Zoersel, ki mie naskiĝis, estas arbaro, en kiu tiam vivis ofte lupoj kaj aliaj sovaĝaj bestoj. Apud tiu arbaro staris malgranda dometo, konstruita el argilo kaj branĉaĵoj kaj en tiu dometo loĝis malriĉa virino, kun siaj du infanoj, iu Joĉjo kaj iu Manjo. La virino estis nomata Lena kaj dunge laboradis dum la somero ĉe la farmestroj, por sarki la lolon el la lino kaj la tritiko, aŭ por helpi ĉe la rikolto, kiel la fremdaj virinoj kiuj kelkafoje ĉe ni laboradas La kompatindaj infanoj ne plu havis patron, ĉar li kuŝis jam de longe en la tombejo; nia Disinjoro, havu lian animon.

Tiel longe ke la somero daŭris, ĉio estis bona ; tiam la infanetoj ne malsatis, kaj povis varmigi sin je la suno de Dio Sed kiam venis la vintro, tiam ili havis tiom da mizero, kaj da malfeliĉo, ke estas nedirebla.

Kaj estis iam malmilda kaj longa vintro ; frostis tiom, ke la korvoj falis mortintaj el la arboj, kaj por la malfeliĉa Lena, laboro tute ne estis trovebla, kaj ŝi ankaŭ estis tiel malsana pro febro, ke ŝi preskaŭ ne povis stari sur siaj kruroj. La lasta sekala pano estis duone manĝita, kaj la fajro jam estingiĝis ĉar ne estis plu ligno en la domo. Tremetante pro malvarmo Joĉjo kaj Manjo devis kuŝiĝi en amason da fojno; ili diris preĝeton, rampis tutproksimen unu de l'alia, kisis sin reciproke, kaj tiam ekdormis.

Sed dum la nokto ekventegis kaj fulmotondris tiel terure, ke granda peco de la argila muro forfalis. Joĉjo kaj Manjo plimulte alproksimiĝis unu al alia, kaj tiris la fojnon sur siajn korpojn ; sed la vento kiu eniĝis en la domon estis tiel malvarma kaj akra, ke la du malfeliĉaj infanetoj estis baldaŭ rigidigitaj pro la malvarmego. Kiam tagiĝis, ili tremetante rampis el la fojno, kaj trovis sian patrinon sidantan apud la kameno, tiel ploregantan, ke la larmoj malsuprenfluis de ŝia vizaĝo. Joĉjo kaj Manjo ĉirkaŭprenis sian patrinon kaj ankaŭ ekploris tiel malgajege, ke eĉ stona koro estus rompiĝinta, sed ve ! tio ne helpis.

Kiam ili estis ĝemintaj dum tiel longa tempo, ke iliaj okuloj estis sekigitaj, la patrino diris : « Nu, miaj kompatindaj infanoj kion, ve, ni nun faros ? Tie kuŝas la lasta pano ; la proksiman nokton ni tre certe frostomortos. Ho Dio, morti estas nenio por mi, sed por vi, malfeliĉaj amataj infanoj ! Mia koros ŝiriĝas pro doloro, kiam mi vidas vin sidantajn tiel tremantajn kun viaj bluaj lipetoj. Mi preskaŭ ne povas stari, sed je la nomo de Dio, mi tamen provos ĉu mi ne povos iri ĝis la arbaro por rikolti lignon por la vespero ; restu ĉi tie kaj atendu senbrue, ne plorante, ĝis mia reveno. »

La virino pene stariĝis, prenis la falĉilon kaj volis forlasi la domon, sed antaŭ ol ŝi alvenis ĉe la pordo, ŝi, ho ve ! falis pro malforteco.

Joĉjo kaj Manjo helpis sian patrinon por stariĝi, kaj dolore ploradis pro sia malfeliĉa sorto.

Subite Joĉjo ĉesis plori, iris al sia patrino kaj diris kun decido. « Kara patrino, donu al mi kison. Mi iros al la arbaro. »

« Sed infano » respondis la patrino kvazaŭ time, « vi al la arbaro ? Tra tiel malbona vetero ? Ho, mia dolĉa infaneto, tio ne estas ebla ! »

« Ne ebla ! » diris Joĉjo. « Ĉu mi ne estas sufiĉe forta ? Venu. donu al mi la falĉilon, kaj vi hodiaŭ vespere ne plu malvarmos, kara patrino, kaj vi ankaŭ ne, Manjo-fratino. »

« Mi iras kun vi ! » diris Manjo, « ĉar kiam vi estas supre sur la arbo, por forrompi la sekajn branĉetojn. mi ja devas stari malsupre por rikolti ilin. »

Komence la malsana patrino ne volis permesi ke la infanoj foriru, sed Joĉjo volis nepre iri en la arbaron, ĉar li tre amis sian patrinon, kaj doloris lin, ke ŝi devas tiom suferi pro la malvarmo. Lena donis al ambaŭ infanoj dikan tranĉajon de la sekala pano, kisis ilin pli ol unu fojo kaj diris : « Nu, je la nomo de Dio, iru sed revenu frue, ĉar, kiel vi scias, en la arbaro estas rapide mallume. »

Joĉjo kaj Manjo alvenis ĉe la arbaro, kaj iris tre malproksime en ĝin, tiel ke apud la randoj ĉiu seka ligno estis rikoltita de aliaj malriĉuloj. Kiam ili nun estis tre malproksime en la arbaro, Joĉjo grimpis sur la abiojn kaj rompis per sia falĉilo la sekajn branĉojn. Manjo rikoltis ilin, kaj tiel ili dum la posttagmezo fine havis du branĉfaskojn, tiom kiom ili kapablis porti. Kurante kaj laborante, ili estis revarmigintaj sin, kaj nun ili intencis reiri hejmen por ĝojigi sian malsanan patrinon. Joĉjo kaj Manjo ambaŭ prenis po unu branĉfaskon kaj antaŭen marŝis kantante.

Sed, ho Dio, aperis grandaj nigraj nuboj ĉe la ĉielo, kaj ekventegis kaj ekneĝis tiel ke la malfeliĉaj infanoj eĉ ne povis vidi je du paŝoj antaŭ si. La vojoj kaj vojetoj estis tiel kovritaj per neĝo, ke Joĉjo kaj Manjo ne plu sciis laŭ kiu direkto ili devas iri.

Tamen ili marŝis kaj marŝadis kaj ne povis eliĝi el la arbaro. Tiam ili timplene haltis kaj Joĉjo vidis ke ili ne plu estas sur la bona vojo ; li grimpis sur arbon, por scii kie li estas, sed li ne sukcesis vidi tra la neĝo.

Por ne timigi sian fratineton, li agis kvazaŭ li trovis la vojon, ili denove metis sian branĉfaskon sur la kapon, kaj marŝis, marŝis ĉiam antaŭen ; sed ju pli multe ili marŝis, des pli multe ili elvojiĝis en la arbaro.

Kiam Joĉjo rimarkis, ke tuj mallumiĝos, li ne plu longe povis deteni sin kaj ekploregis. Li kisis sian fratineton kun larmoj en la okuloj kaj diris : « Ho Dio, Manjo, ni elvojiĝis. Malheliĝas jam. Kion ni faros nun ? Patrino ree ne havos lignon dum la proksima nokto, kaj tiam ŝi certe frostmortos. » Manjo ne respondis kaj malesperplena sidiĝas sur sian faskon.

La akra vento fajfis terure tra la pintfolioj de la aleoj. La kompatindaj infanetoj ekrigidiĝis pro malvarmo.

Joĉjo bone tion sentis. Li starigis sian fratineton, kaj ili iris denove pli malproksimen, ne povante eliĝi el la arbaro, ĝis kiam kompleta mallumo regis. Tiam la kompatindaj infanoj ne sciis plu kion fari, kaj sidiĝis plorante sur sian faskon, sub granda abio.

Joĉjo ŝoviĝis tute kontraŭ sia fratineto, kaj forfrapis senĉese la neĝon de ŝia vizaĝo kaj manoj, ĉar Manjo ne plu movis sin, kaj ekdormis havante la kapon sur la genuoj de Joĉjo.

Joĉjo ankaŭ estis kontraŭbatalinta sian dormemon kaj sidinta trankvile, sed li subite aŭdis la blekegojn de sovaĝaj bestoj en la arbaro, kaj time eksaltis. Poste, li nenion plu aŭdis, li metis siajn manojn sur la frunton de Manjo kaj sentis ke ĝi estis malvarmega kaj frostita.

Malĝojege kaj ploregante li demetis sian kitelon, kaj metis ĝin sur la kapon de Manjo por revarmiĝi ĝin, li blovis en ŝiajn manojn kaj fine skuis ŝin laŭ diversaj direktoj ; ŝi tamen ne vekiĝis.

Tiam, Joĉjo denove sidiĝis sur la branĉfaskon, metis sian fratinon sur siajn genuojn, prenis ŝiajn manojn en la siajn, kaj kurbigis la bruston super ŝian korpon por ĝin revarmigi.

La neĝo flugis je ankoraŭ pli dikaj eroj tra la malhela nokto, la vento blovis ankoraŭ pli timige kaj la sovaĝaj bestoj blekegis ankoraŭ pli terure kaj ĉar Joĉjo fine ankaŭ ekdormis, la du malfeliĉaj infanetoj estis baldaŭ subneĝigitaj.

La malfeliĉa Lena ne plu vidis reveni, siajn infanojn kaj preskaŭ mortis tiun nokton pro doloro kaj malvarmo.

La sekvantan tagon je peto de la patrino la kampogardisto iris por serĉi Joĉjon kaj Manjon. Komence li ne povis trovi ilin sed vidis fine du glacibirdetojn, kiuj sidas sur amaso da neĝo, kaj trovis Joĉjon kaj Manjon, kuŝantajn sub ĝi.

Joĉjo havis ankoraŭ la brakojn cirkaŭ la kolo de sia fratineto kaj kuŝis, kun la buŝo sur ŝia frunto. Sed, ho ve ! la kompatindaj infanoj estis mortintaj kaj frostitaj.

Joĉjo kaj Manjo estis enterigataj en la tombejo, kaj la preĝejpedelo de Zoersel vidis tiun nokton tra sia fenestro, du anĝeletojn venantajn el la aero sur la tombon de Joĉjo kaj Manjo, kaj li vidis ilin forflugantajn kun la du animetoj al la ĉielo.

«Kaj alvenis porko kun buŝego longe pintita kaj mia rakonto estas finita.» ALF. VAN DE VELDE

# ELTROVAĴO DE LA DIABLO

de Hendrik Conscience.
(1864.)

Morto, Pesto, Malsatego, Tifuso, Milito estas transportataj al la lando de l' Diablo, por ĉeesti parolon de Lucifer, kiu eltrovis novan rimedon « sufiĉe potencan por triumfigi Morton kaj Inferon sur la Homaro »... la brandon.

## LA REPREZENTADO.

« Bone atentu, ĉar valoras la penon. Tio, kion vi estas vidonta, estas laŭviva reprezento de aĵoj kiuj dum la tempofluo okazos ne unufoje sed centfoje. Kaj por ke vi nenion perdu de la miriga spektaklo kaj ne senutile interrompu min, mi ordonas al vi silenti kaj trankvile aŭskulti miajn klarigojn. »

« Tio estus bela ! kriis Morto ridante. Silenti ? Kaj se mi volas paroli ? »

« Estu tiel « grumblis la Diablo » Vi estas virino (1) kaj almenaŭ kiel eble plej malmulte. Atentu mi komencas !

« Jen la unua sceno !

« En la mezo de l' scenejo : ploranta patrino kun plorantaj infanoj. Iliaj vestaĵoj surhavas ankoraŭ la postsignon de perdita bonstato, sed nun ili estas malpuraj kaj ege uzitaj. Sur iliaj maldikaj vangoj kaj flavaj vizaĝoj oni legas pri doloro, humilego, mizerego. La infanoj levas siajn malgrasajn brakojn al la patrino kaj vokas : « Panon, panon, ni malsatas ! » Kaj la malfeliĉega virino eligas teruran vekrion, premas siajn mortantajn infanojn kontraŭ la brusto kaj aspergas ilin per varma larmfluo. — Tamen, vidu, en la angulo de l' scenejo, viro ŝancele dancas ; li jubilas, kantas, li imagas sin feliĉa. Estas la edzo de tiu suferanta virino, la patro de tiuj malsatantaj infanoj. De malproksime li vidas, ke iu sinjoro prezentas moneron al lia filino ; li vidas ke la junulinon timigas tiu malbelega mono.... kaj li, li vidas, stulta kaj sovaĝa kiel senprudenta besto. — Krima patro, li ne nur faligas sin mem en la Inferon, sed liveras sian tutan familion kiel kaptaĵon al la triumfanta malbono. Tiu homo estas sklavo de mia veneno !

(1) En flandra lingvo, la vorto « Morto » havas virinan sekson (noto de la tradukinto.)

Brave, brave! kriis la aŭdantoj.

Grava afero! « mokis Morto » Homo pli aŭ malpli, kion tio signifas? Junkro Milito, estas alia lertulo: dum unu tago li povas meti kvindekmil en la tombon! »

La Diablo ŝajnis ne kontenta pro tiu rimarko kaj daŭrigis siajn klarigojn kriante:

« Dua sceno?

« Sur la antaŭscenejo: filo de laborantaj burĝoj, studento. Liaj gepatroj faris la plej akrajn oferaĵojn por trinkigi sian solan amegatan infanon al la fonto de l'scienco. La junulo estis bela kiel viro, inteligenta, lernema kaj talentplena. Ili revas por li pri brila estonteco; ĉiuj iliaj penoj, ĉiuj iliaj preĝoj estas por la Karulo. Sed li? Li gustumis mian venenon kaj iĝis sklavo de ĝi: lia virbeleco malaperis, lia cerbo akviĝis, lia koro malvarmiĝis. Tie en la fundo de l'scenejo sidas la filo. Kiom ajn li estas kulpa li scias. Sed la fiereco, la konscienpririproĉo, la ŝtoniĝo en la malbono igis de li fripono kaj perfidulo... Li pikas spadon en sian bruston kaj falegas en la plej profundan abismon de l'Infero. Tiu homo estas viktimo de mia eltrovaĵo. »

» Brave, brave! › kriis la aŭdantoj.

La botelo kun veneno staris apud la ligna ŝranko. Dum Lucifero parolis, kaj ne povante tion rimarki, Morto estis metinta la brakon post la dorso, preninta la botelon kaj trinkinta buŝplenon de la likvaĵo. La veneno certe ne restis senefika sur ŝi, ĉar nun ŝi iom insulteme kriis:

« Vi enuas min per viaj aplaŭdoj! Tro jam daŭras duonon da horo kaj ni gajnis jam du homojn. Kiaj infanaĵoj! Mi neniun speson donas por tiu bela eltrovo! »

« Vi tro frue babilaĉas. Sinjorino » diris la Diablo ofendita. « Atendu iom, vi alimaniere parolos... Atentu! »

« Tria sceno! »

« Kion vi ĉi-tie vidas estas frenezulejo. Mizera loko por la terloĝantoj! Tutaj homamasoj vagadas tie tra dezerta ĝardeno. Iliaj okuloj estas vitrumi'aj, iliaj lipoj malsupren pendas, iliaj haroj estas senordaj, ili estas kvazaŭ stultaj bestoj; el ili estas ĉia sento, ĉia prudento, ĉia konscio. Ili estas mortintaj kaj vivas ankoraŭ; ili portas homan nomon kaj ne plu estas homoj. Inter ili estas multaj, kies kapo ŝancelas, kies membroj tremas, kies mieno transformiĝis kvazaŭ simivizaĝo. Kio ilin tremigas kaj ŝanceligas estas malsano kiun oni nomas « Delirium tremens ». Ĉu vi povus kredi? Ĉiuj tiuj mizeraj estaĵoj iam estis potencaj per la spirito, potencaj per la inteligento. Multaj estis destinitaj por briligi kun nova brilo la lumon de l' scienco, kelkaj por mirigi kiel majestaj poetoj la popolojn per dolĉaj sonoj, aliaj por defendi kun glavo en la mano sian patrolandon kaj liberecon, kiel kondukantoj de militistaroj. Kio ili estas nun? Pecego da sensenta karno,

malpli genia ol la plej senprudenta besto. Ha! ili miksis mian venenon kun verdaj kreskaĵoj, nomis ĝin « Absinthium helveticum » kaj tiel plifortigis ĝian influon sur la animon ne malpliiginte ĝian influon sur la korpon. Miriga subtileco de la homoj! La infera veneno ne mortigis sufiĉe rapide! »

« Brave, brave! kriis la aŭdantoj.

« Infanaĵoj » mokis Morto. Ĉion sumiginte, mi trovas ke ni per tiu fanfaronado gajnis dudekon da homoj. Dum unu horo patrino Pesto altiros miloble pli sub la teron. Estas mizera komedio... mi estas certa, kuzo, ke via sengusta likvaĵo ne delogos eĉ jenan lernanton »

« Je miaj kornoj! mi kredas ke mia kuzino freneziĝas » grimblis la Diablo, « sed pacience, ŝi konvinkiĝos, ĉu ŝi volas aŭ ne! » Plilaŭtigante la voĉon, li diris:

« Atentu! kvara sceno!

« Vidu, jen ŝipo flotanta sur la ondoj. La ĉielo kovriĝas per nuboj, kiuj alveturigas teruran uraganon. La tondro murmuras malproksime. La ŝipo estas homplena: Komercistoj, vojaĝantoj, virinoj, infanoj, kiuj maltimeme aŭ senscie, konfidis sian vivon al tiu malfirma lignopeco. La vento pliforte blovas, la ondoj de l' maro leviĝas ĉielalte, la fulmotondro komencas. Ĉiuj vojaĝantoj vidas la morton antaŭ siaj okuloj, ili genufleksas, ili preĝas ili ploregas kaj vokas helpon de l' Ĉiopovulo. La maristoj, la direktilistoj, kion ili intertempe faras? Ili fervore batalas kontraŭ la uragano, sed por havigi al si pli multe da kuraĝo, ili trinkas mian venenon, ĝis ilia vido malheliĝas kaj ilia spirito malfortiĝas. Ili kriegas, kaj furiozas, ili forgesas kie ili estas, eraras pri la signoj kaj direktas la ŝipon rekte al la roko, kiu devas ĝin rompi... Terura skuo disrompas ĉiujn partojn de l' malfeliĉa ŝipo kaj la maro englutas en siajn profondaĵojn la dolorkriadon de cent homoj! Ree efiko de mia miriga veneno!

« Brave, brave! kriis la aŭdantoj.

« Kuzino, kion vi faras? Demandis la Diablo. » Lasu tiun botelon! Vi ridas!? Mi petas vin ne moku la venenon, se vi kuraĝus trinki iom, vi malbone fartus, kredu min.

« Ne atentu, kuzo. » kriis Morto kun malica esprimo, « Mi ne sentas guston por trinki ankoraŭ vian teruran fluidaĵon, mi nur volis vidi ĉu ĝi restos hela kaj ĉu ĝi ne lasas sedimenton. »

« Atentu! » diris Lucifero, « la kvina sceno! »

« Mi malfermas antaŭ viaj okuloj vastan malliberejon, kaj montras al vi intersekve kelkajn el la malfeliĉuloj, kiuj, tie, pasigas sian mizeran vivon.

« Tiu juna viro, oficisto ĉe bankiero, imitis, pro soifo al mia veneno, la subskribon de sia estro. Lia hontiga kondamno, kaŭzis la morton de lia patrino, kaj malhonoris lian patron! Vidu ĉi-tie edzon, kiu, ebria, trafendis per hakilo la kapon de sia malfeliĉa edzino, kiu amis lin, kiun li amis! Tie, bonedukita viro, nobelido, kiu ekscitita kaj sensenca pro la trin-

kado, pikis ponardon en la bruston de sia amiko, kaŭze de ununura dubiga vorto ! Plie ŝtelistoj, rabistoj, falsmonfaristoj, kiuj supreniris unu post alia ĉiujn gradojn de l' ŝtuparo de la krimo ! Jen en tiu angulo patromortiginto ! Estas viktimoj de mia veneno ! »

« Brave, brave ! » kriis la aŭdantoj :

« Diru, ĉu ne jam finiĝis ? » demandis Morto « mi terure ekenuas kaj tiel oscedas ke miaj makzeloj disiĝos. Kuzo, kial vi parolas tiel terure tra via nazo ?

« Sinjorino vi iĝas netolerebla » krude kriis Lucifero, ni interparolos poste. Estas la lasta fojo ke vi tiel brute insultos min, en mia propra laborejo. Nun mi ne ĝenos min pro via babilaĉo, kaj daŭrigas la reprezentadon de l' estonto.

« Sesa sceno ! »

« Tie meze la scenejo, preterpaŝas tuta homgeneracio, de la speco, kiun oni nomas laboristoj. Estas viroj, virinoj, grizuloj, infanoj ; la longa uzado de mia veneno igis ĝiajn efikojn heredeblaj de patro ĝis filo. Degeneriĝinta raso, kiu ŝajnas marŝi sub la ĝenerala malbeno. Ciuj estas flavaj aŭ senkoloraj, kun falantaj okuloj kaj malgrasiĝintaj membroj. Unu estas ĝibumita, alia lama, kelkaj estas kurbaj ; multaj havas ruĝajn larmplenojn okulojn, sed ĉiuj estas senfortaj kaj senkuraĝaj ; la sango kiu malrapide fluas tra iliaj vejnoj, estas akva, kiel la sango de l'insektoj. Mia veneno kreis la spektrojn kiujn videble akompanas i in kiel sangavidaj meloj flugantaj ĉirkaŭ brutaro ; estas la malsanoj. »

Tradukis FRANS SCHOOFS.

---

# LA ŜIPETO

*Unuakta Dramo*

ORIGINALE VERKITA EN HOLANDA LINGVO DE

**J. DEVOS**

ESPERANTA TRADUKO DE

**Alfons VAN DE VELDE**

---

PERSONOJ :

GEERT, la patrino
ELSJE, filino de Geert
GYS, junulo
SCHOLTEN, instruisto
JAAP, edzo de Geert kaj patro de Elsjo
KLAARTJE, juna knabino.

Elparolu : Geert, Els'j(e), Gajs, Ŝholten, Jaap, Han'(e)s, Klaartje.

La scenejo reprezentas ĉambron malantaŭ butiketo. La butiketo estas ankaŭ likvorvendejo. En la fundo, meze, estas pordo, maldekstre fenestro kun kurteno el blanka muslino, kaj kelkaj florpotoj; dekstre, simpla ŝranketo sur kiu staras ŝipeto tute ekipita. Maldekstre, antaŭe, ligna benketo. 1a plano, kameno. 2a plano, pordo. Dekstre, antaŭe, tablo kun antikva kafservilaro kaj seĝoj el kano. 2a plano, pordo. Tie ĉe kaj tie, fiŝretoj. Horloĝo kaj kelkaj pentraĵoj ĉe la muroj. La tuto havas kvietan aspekton.

## SCENO UNUA

ELSJE, GEERT.

*(Je la levo de la kurteno, Elsje staras ĉe la pordo, kurbita kaj aŭskultanta. Geert sidas en la apogseĝo dekstre. Ŝi ekdormis. La trikaĵo, ŝtrumpo de infano, falis sur ŝiajn genuojn. Tiel, la scenejo restas dum kelkaj momentoj. Elsje parte malfermas la pordon, kaj iras al la antaŭscenejo ĝis la benketo).*

ELSJE (*vidante maldekstren*). — Ŝi dormetas... Bonege! (*alproksimiĝas al Geert*). Panjo?... Ŝi ŝajnas ekdorminta... Karega patrinjo, kiom da ploroj mi jam kostis al vi... Tagojn da zorgo kaj maltrankvileco vi pasigis, kaj neniam via amo malpliiĝis... Karega patrinjo, kiel mi vin amegas! (*kisas Geert sur la fronto, iras al la banketo, prenas la fiŝretojn kaj eksidiĝas*). Nu!... mi eklaboru. Mi klopodos por fini hodiaŭ tiujn ĉi retojn (*kantas dum ŝi trikas*).

Marist', kiu vagas sur ondo,
Nu, kien flugadas la vel'?
Atendas vin ja nia rondo.
Revenu vi, faru ĉiel'.

Marist'. tiel nun malproksima
De l'hejmo amata de vi,
Ho venu! kuraĝa, sentima,
Sub alta protekto de Di'.

GEERT (*vekiĝas je la lastaj vortoj*). - Elsje, ĉu vi estas tie?

ELSJE. — Jes panjo, kion vi deziras?

GEERT. — Kioma horo estas nun, infano?

ELSJE. — Sonoris jus la dekunua.

GEERT. — Kia vento?

ELSJE (*vidante tra la fenestro*). Orienta vento, panjo.

GEERT. — Orienta vento... Estis orienta vento kiam ili forveturis. Ĉu vi ankoraŭ memoras Elsje? — (*Elsje jesas*) — Estos pasintaj tri jaroj la proksiman Decembron. Tri jaroj.. kaj nenio... nur la novaĵo ke la nomplato de la « ADRIANA » estis ĵetita sur la marbordon. El ili neniu revenis...

ELSJE. — Panjo, vi ne tiel ofte devus pensi pri tio.

GEERT. — Kial ne? Ĉu ni ne perdis ĉion kio por ni estis tiel plej kara. Mi, la edzon, vi, la patron, kaj Barend, vian fianĉon?

ELSJE. — Jes, panjo. Certe, ni multege perdis. Se mi ne havus mian infanon, mi eble suferus pli multe ol nun se l por ŝi.., mi devas vivi kaj labori. Kaj tio, min konsolas.

GEERT. — Certe, mia infano, certe. Mi kelkfoje pensas : Se patro estus reveninta sola, kaj Barend ne al li estus konfidinta la sekreton, ĉu patro kredus kion mi kredis?

ELSJE. — Panjo.....!

GEERT. — Infano, la viroj estas tiel strangaj. Patra koro sentas tiel malsame ol koro de patrino. Ni ne havas eĉ unu-nuran ateston. Neniu el la leteroj, kiujn ni ricevis, nek de Barend, aludis pri la infano.

ELSJE. — Kaj la ŝipeto *(montras la ŝipeton)* Ĉu Hannes, kiam li ĝin alportis, ne kunportis la komision de Barend ke ĝi estos certe io por nia mastraĵo?

GEERT. — Li certe pensis al la infano kiam li faris la ŝipeton. Estas la unua ludilo por maristinfanoj ..... sed, ĉu patro estus kredinta tion?..... Ne.... tute ne..... Ho! por ĉio ekzistas kaŭzo, kaj ni do devas diri : « Kion Dio faras, estas bone farita »

ELSJE. — Ni tiel amegis unu la alian.

GEERT. — Mi ankoraŭ vidas ilin forirantajn. Barend diris : Patrino, kiam mi revenos, mi tuj edziĝos kun Elsje; la direktilisto, tiel li ĉiam nomis vian patron, ne volas lasi min, se ne mi restus ankoraŭ kelkan tempon kun vi, sed estas necese ».

Via patro tiam diris kun sia forta voĉo : « Nu diablo, la junulo estas nuntempe tiel edziĝemaj! Post mia fianĉiĝoj mi marveturis ankoraŭ dufoje, kaj vi.... Nenio..! Unue grandan vojaĝon, poste la ekzamenon, kaĵ tiam, edziĝu, ne pli frue, kaj se eble, atendu ankoraŭ iom. Mi ne plu povas fari ekzamenon, sed vi, vi povas ankoraŭ fariĝi ŝipestro» — Sur la strato, patro al vi ankoraŭ kriegis : «Elsje mi bone zorgos por li kaj sane realportos lin» — ...Tiel ili foriris,... kaj neniam plu revenis... *(ŝi ploras)*.

ELSJE *(kisas ŝin)*. Panjo, ne ploru!

GEERT. — Mi tiel amis vian patron, kaj... jes, Barend ankaŭ; sed vi estas prava, antaŭ vi, mi ne povas plori, tio malgajigus vin, ŝparu viajn larmojn nur por poste...! kantu ankoraŭ, mi vin petas, mi tiom ŝatas aŭdi la kanteton de Majstro Scholten. Ĉu la infaneto dormas?

ELSJE. — Jes patrino, kiel rozo.

*(Oni aŭdas la sonorilon de la butiketo, koj samtempe. Gys krias :* Restu)

## SCENO DUA.

ELJE — GEERT — GIJS.

GYS *(enirante)*. — Bonan tagon, najbarino, same Elsje.

GEERT, ELSJE. — Bonan tagon, Gys!

GYS. — Tiel laborante kaj kantante?

Elsje. — Kantante ?

Gys. — Vere, mi ĝin aŭdis. Kantu ankoraŭ mi vin petas !

Geert. — Alian fojon, knabo. Laboro estas nun tro urĝa.

Gys. — Bone... Mi volas helpi vin (*ĉirkaŭrigardante*) kie estas la infano ? Atendu (*volas iri maldekstren*).

Eln' Jo. – Sed atentu Gys !... ŝi dormas. Vi vekigos ŝin.

Gys. — Estu kvieta. Lasu min nur rigardi ŝin (*malformas senbrue la pordon kaj rigardas internen*). Kiel belega knabineto, kia infano, kaj kiel ŝi bonege dormas ; mi volus havi infanon kiel ŝin

Geert. — Nu, mia amiko, vi devus serĉi knabinon, kaj edziĝi.

Gys. – Jes, najbarino, tion mi scias, sed miraklo ! Estas tiel stranga afero, se vi volas ŝin alhoki.

Geert. — Ĉu vi estas tiel timema ke vi ne kuraĝus demandi fraŭlinon ? Ne rakontu tion al mi !

Gys. — Jes, sed estas tamen malfacila tasko !... Elnjo kion vi diras pri tio ?... Imagu ke vi estus knabo, kaj vi dezirus bonan knabinon, sed vi ne scias ĉu ŝi opinias kiel vi, kiel vi komencus ?

Elsje. — Estas stranga demando ; sed mi pensas ke junulo kiel vi ne devas timi por demandi fraŭlinon ! Vi eble trovos okazon por esti tute sola kun ŝi, kaj tiam facile tio fariĝas.

Gys. — Nu !... tion mi memoros !

Geert. — Diru al mi, Gys, ĉu vi intencas resti bordloĝanta ?

Elsje. — Vi fariĝos fine terano.

Gys. — Tute ne, mi jus volis rakonti tion. Mi iros morgaŭ al Scheveningen.

Geert. — Al Scheveningen ?

Gys. – Jes, al la loko, kie vi loĝis antaŭe, tien kie la knabineto naskiĝis. La fiŝkaptistoj tie strikas. Unu forkuras, aliaj ne volas enŝipiĝi. Mi eble tie povas estas dungita pli facile ol tie ĉi.

Geert. — Vere !

Gys. — Jes, tio estas la kulpo de ruĝa Hannes.. Mi ne ege ŝatas lin, kaj li ne ŝatas min. Kiam li devas ekipi ŝipeton, li kondukas la postulantojn al trinkejo, ebriigas ilin, kaj poste liveras ilin preskaŭ senpage... Tion mi jam riproĉis al li, kaj tial mi preferas iri al Scheveningen.

Elsjé. — Mi ankaŭ ne ŝatas Hannes.

Geert. — Ni tamen dankas al li ŝipeton de Barend.

Gys. — Estas vere, mi tamen opinias ke li ne multan bonan faris dum sia vivo. Ĉu vi havas komision por Scheveningen ? Vi tie havas ja parencojn ? Mi eble povus diri kiel la knabineto fartas.

Geert. - Ho ne, Gys ! estas neniu tie kiu interesas sin pri ni Ili neniam pri la infaneto sin informis. La familio de mia edzo neniam montris grandan intereson, eĉ la infanon de lia fratino, kiu mortis en la akuŝlito, ili ne priatentis. Vi konas

la historion kaj se vi aŭdas paroli pri ni, faru kvazaŭ vi ne konus nin.

ELSJE. — Kiu, en Scheveningen, ankoraŭ memoras nin?

GYS. — Estas vere strangaj homoj en la mondo. Ne preni tian anĝeleton kiam la okazo sin prezentas! Tio devus okazi ĉe mi! Eĉ, se apenaŭ ŝi estus unutaga, mi edukus ŝin kaj neniam ŝin redonus, neniam, eĉ se la tuta familio alvenus.

GEERT. — Kia infanamanto.

GYS. — Jes, mi tiel estas. Mi vetas ke mi ŝin tiel amas kiel vi, Elsje!

ELSJE. — Tion mi ne kredas.

GYS. — Nu prave, tial ke ŝi estas via kuzineto, sed jen, kiam vi volus lasi ŝin, mi tuj kunportos ŝin.

ELSJE. — Ho ne, ne!... ŝi kun ni restas, ĉu ne, patrino?

GEERT. — Certe, mia infano, certe. Ŝi kun ni restas.

GYS. — Por Majstro Scholten, mi havas komision en Hago, porti leteron al la ministrejo.

GEERT. - La bonega viro ankoraŭ ĉiam penadas por ekscii, ĉu neniu de la « Adriana » estis savita.

ELSJE. - Li ĉiam esperas ekaŭdi ion.

GYS. — Tio ĉio estos vana, sed provas tamen lian bonkorecon. Por Majstro Scholten mi trairus fajron. (*al Geert*) Vi lin konis ankaŭ en Scheveningen, ĉu ne?

GEERT. - Certe, li estis helpinstruisto. Elsje lernis ĉe li.

ELSJE. — Barend ankaŭ.

GYS. — Kaj mi, tie ĉi iris ĉe li klason. Estas tute strange. (*Oni aŭdas la sonorilon de la butiketo*). Estas kliento.

GEERT. — Elsje ĉu vi volas iri, mi atentos pri la infano.

(*Geert foriras maldekstren kaj Elsje tra la meza pordo*).

## SCENO TRIA.

GYS (*sola*).

GYS (*sola*). — Ŝi tiel ĉarmega estas. Elsje, vi devas iĝi mia edzino. — Vi estas tiel bona. — Ŝi ankoraŭ pensas al Barend, sed tiu espero estas vana, kaj, ĉu ŝi devas restadi sola, dum sia tuta vivo? Ho ne! tio ne povas esti. Mi tiel amas ŝin. — Mi tamen devus scii, ĉu ŝi ankaŭ iom ŝatas min. — Jen, ŝi venas.

(*Daŭrigota*).